# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA·MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

Simpla jarabono 2.50 sv. fk.

Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 2.— sv. fk. minimume 10 abonoj po 1.50 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.20 sv. fk.

La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,25 sv. fk., 5 ekz. de unu numero po 0.20 sv. fk., 10 ekz. po 0.15 sv. fk., 25 ekz. po 0.12 sv. fk.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 3.— sv. fk.

Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0.10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.

Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Adreso:**
Heroldo de Esperanto
Horrem bei Köln (Germanujo).
Fako: Verda Stelo.
**Redaktoro:** Teo Jung.
**Kunlaborantoj** en la tuta mondo.

**Diverslandajn valutojn**
ni akceptas je sekvanta kurzo:

0.10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.14 belgo 0.16 braz. milr., 3 bulg. levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. drakmoj, 0.12 hisp. peseto, 0.11 pengo, 0.35 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0.10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro.

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto, nederl. guldeno aŭ sveda krono.

**N-ro 5** | **Majo** | **1928**


# Antverpeno invitis / anoncu vin tuj!

## Tra la mondo.

Refoje en la pinto de la tutmonda intereso staras la sukcesoj de l' **aviado.** Kio ĝis nun sukcesis al neniu: transflugi la nordan Atlantikon de oriento okcidenten per aviadilo pli peza ol la aero, tion atingis nun la germanaj aviadistoj **Köhl** kaj **v. Hünefeld** kune kun la komandanto de la irlandaj aerfortoj **Fitzmaurice.** Kvankam ili ne atingis la metitan celon: Novjorkon, sed devis alteriĝi sur eta insulo Greenly Island, tamen ilia faro estis grandioza, kaj ili plene meritas la laŭdon, kiun la tuta civilizita mondo donas al ili.

Ne malpli laŭdinda estis la faro de la francaj aviadistoj **Costes** kaj **Le Brix** kaj tiu de la usonanoj **Wilkins** kaj **Eielson.** La unuaj en flugo plenumita kun senekzempla persistado ĉirkaŭvojaĝis preskaŭ la tutan terglobon, dum la lastaj kun mortospita kuraĝo transflugis la nekonatan Arktikon por esplori, ĉu ĉirkaŭ la Norda Poluso ekzistas firma tero aŭ ne; sed ili ne trovis la supozitan kontinenton.

Ankoraŭ alia afero altgrade interesas la nuntempan mondon: la utiligo de la **raketa forto** por la movigo de aŭtomobiloj kaj, eventuale ankaŭ, de aviadiloj. Dum longa tempo oni mokridis pri la alten celantaj kaj ŝajne fantaziaj projektoj de la aŭstra inĝeniero **Valier;** sed nun liaj projektoj jam estas efektiviĝantaj. Jus la germana firmo **Opel** finkonstruis aŭtomobilon, kiu estas movigata ne de kutima benzina motoro, sed de la eksploda forto de raketaj tuboj. La unua tiuspeca aŭtomobilo atingis ĉe prova veturado jam grandan rapidecon; sed montriĝis ankoraŭ kelkaj mankoj forigotaj dum la proksima tempo. Oni esperas poste, kiam la nova eltrovo estos perfektigita, konstrui raketaviadilojn, per kiuj oni povos en du-tri horoj vojaĝi de Eŭropo al Ameriko, do eĉ pli rapide ol la suno. La aspiroj de la nun subite famiĝinta aŭstra inĝeniero celas eĉ pli alten: li antaŭdiras, ke venos la tempo, kiam la homoj per spacraketoj konkeros la ĉielon kaj la stelojn.

La modernaj eltrovoj, vere, rapidege sekvas unu la alian. Kun mirego ni staras antaŭ tiuj grandiozaj progresoj, kiaj estas la aviado, la radio, la televidado (ankoraŭ **ne perfekta sed jam funkcianta**) kaj nun la raket-aŭtomobilo. Ni preskaŭ jam ne dubas pri la efektivigebleco eĉ de la plej kuraĝaj profetaĵoj sur la kampo de la tekniko. Nur pri la efektivigebleco de unu mirinda ideo la mondo ankoraŭ dubas, kvankam, en principo, ĝi jam estas efektivigita: la ideo de **lingvo internacia.** Sed, kiel aviadilo kaj radio, kaj kiel la ceteraj tre multaj eltrovaĵoj de la moderna tekniko, tiel ankaŭ nia ideo trabatalos sin ĝis la fina plena venko. Ĉiam kuraĝe antaŭen!

Observanto.

## Tra Esperantujo.

**Esperanto en Japanujo.**

Sekve de la Radio-Esperanto-kurso en Tokio (sendstacio JOAK), kiun partoprenis 15 000 aŭskultantoj, Japana Esperanto-Instituto akiris jam 200 novajn membrojn ĝis la fino de januaro.

La Ĵurnalista Ligo de Tokio, kiu havas ĉ. 2000 membrojn, decidis alpreni Esperanton kiel sian oficialan lingvon eksterlanden.

**Fondiĝo de Esperanto-Federacio en Manĉurio.**

En Mukden fondiĝis Manĉuria Esperanto-Federacio, al kiu aliĝis unuaj la societoj en Dairen kaj Kaigen.

**Ekspozicio kolektita per Esperanto.**

En Jugoslavujo grandan intereson vekas Ekspozicio de Tutmonda Gazetaro migranta de urbo al urbo. La ekspozicia materialo (ĉ. 3000 ekzempleroj) estas kolektita per Esperanto.

**Ordono de la hungara poŝto.**

La hungara Poŝta direkcio per ordono n-ro 9857/1928 X. 4. akceptis s-ron poŝtan ĉefinspektoron Stef. Zöldy kiel delegiton de ILEPTO en Hungarujo, oficiale decidis interrilati kun ILEPTO, Paris, kaj ties Esp.-revuo kaj sendis cirkuleron al ĉiuj Budapestaj poŝtoficejoj, ke oni oficiale kunskribu tiujn, kiuj deziras lerni Esperanton. El tiuj la direkcio oficiale sendos elektitojn al kurso de la prepara komitato por la 21-a Universala Kongreso en Budapest.

**Nova eldona firmo.**

En London fondiĝis nova eldona firmo: The Esperanto Publishing Company, Ltd. La nova eldonejo eldonos librojn kaj faros librokomercon nur pogrande.

**Esperanto kaj Radio.**

La pasintsemajna numero de „Heroldo de Esperanto" (n-ro 17 de 27. 4.) estis denove grandparte dediĉita al Radio kaj enhavas i. a. laŭeble kompletan Esperanto-Radio-programon de la sendstacioj tutmondaj, tabelon de la diversaj temposistemoj, adresaron de Radio-sendstacioj, liston de mallongondaj sendstacioj ktp. La programon, listojn ktp. kunmetis s-ano J. Jungfer en Lübben, Germanujo.



**Antverpeno. — Arganoj sur la Skeldo-kajo.**

Por nia Jubilea Kongreso en Antverpeno anoncis sin ĝis nun jam ĉ. 400 partoprenontoj. Laŭ ĉio ĝis nun konata, la Univ. Kongreso promesas fariĝi denove grandioza manifestacio por nia afero. Neniu, kiu povos ĉeesti, rajtas manki. Anoncu vin tuj kaj senprokraste, por plifaciligi la laborojn de la Loka Komitato! — Detalajn informojn pri la kongrespreparoj, la liston de la ĝisnunaj aliĝintoj ktp. regule, preskaŭ ĉiunumere, enhavas „Heroldo de Esperanto".

**Nederlanda samideano paroladis en Britujo.**

Finiĝis rondvojaĝo de s-ano Adalberto Smit el 's-Gravenhage tra Britujo. Li paroladis en Esperanto (kun lumbildoj) en 19 urboj de Skotlando kaj Anglujo. Liaj temoj estis: Holando, holandaj kolonioj, holanda literaturo kaj Esperanta literaturo.

**Esperanto-kongresoj okazontaj dum 1928.**

**Universala** Esperanto-Kongreso: Antwerpen, 3.—9. 8.
**SAT**-kongreso: Göteborg, 14.—19. 8.
**Katolika** (IKUE): Tilburg, 12.—15. 8.
**Naciaj:**
Aŭstra: Baden, 27.—28. 5.
Brita: Newcastle-on-Tyne, 25.—28. 5.
Bulgara: Vratza, 26.—28. 8.
Ĉeĥoslovaka: Teplice-Ŝanov (Teplitz-Schönau), 26.—28. 5.
Dana: Odense, 27. 5.
Franca: Lyon, 25.—28. 5.
Germana: Potsdam, 26.—29. 5.
Hispana: Sevilla, 5.—9. 9.
Jugoslava: Srem. Mitrovica, 29.—31. 6.
Kataluna: Vinaroç, 5.—9. 9.
Pola: Krakow, 27.—28. 5.
Skota: St. Andrews, 1.—3. 6.
(Kelkaj kongresoj jam okazis.)

## Internacia porpaca etato.

(MJL) Otto Lehmann-Russbüldt, la ekssekretario de la Germana Ligo por la Rajtoj de l' Homo, publikigis en „Berliner Volkszeitung" artikolon, en kiu li postulas ampleksan propagandon por arbitracio, Ligo de Nacioj kaj malarmado, kiel unuan premison por malarmado. Li atentigas pri la propono de la Internacia Ligo por la Rajtoj de l' Homo, kiu la 14-an de julio 1927 instigis, ke ĉiu lando transpagu nun unu dekmilonon de sia budĝeto por armeo kaj marino al **fondo por la propagando de l' paco.** La fondon administru komisiono nomota de la Ligo de Nacioj. La fondo estu transdonata al la provitaj organizaĵoj por homaj rajtoj kaj interpopola paco, por kontraŭmeti — al la pormilita propagando de la armada industrio — propagandon por la paco.

„La kaŭzigo de la propono eliras de l' celo de la landa defendo. Hodiaŭ neniu registaro riskas, postuli virojn kaj monon por gvidi venkomiliton. Oni, komprenebla, parolas ĉiam nur pri la certigo de l' paco kaj de la limoj. — La propono de la Internacia Ligo por la Rajtoj de l' Homo fiksas, ke la rimedoj por la propagando de la paco estu fiksataj ĝuste laŭ la grado de la defenda budĝeto de ĉiuj landoj: je unu dekmilono da ĝi. Ĉar tiu ĉi porpaca propagando servas al la sama celo, kiu estas nomata por la subtenado de la armeoj kaj flotoj: al la garantiigo de l' paco, al la protekto de la limoj."

Se oni volas starigi armeojn kaj flotojn vere nur por la certigo de l' paco, tiukaze estas nur unu paŝo al la konvinkiĝo, ke porpaca propagando estas multe pli bona kaj pli malmultekosta formo de landa defendo ol peza artilerio kaj batalŝipoj. **Se neniu volas la militon, sufiĉas klare komuniki tiun ĉi fakton al la aliaj popoloj, por ke ilia timo pro atako estu disipata*).**

Laŭ la diversaj statistikoj, Eŭropo (inkluzive la Sovet-Unio) elspezas **ĉiujare proksimume naŭ miliardojn da oraj markoj por armeoj kaj flotoj.** Por la dekmilona parto oni povas apenaŭ konstrui baterion de peza artilerio aŭ malpezan torpedoboaton. Sed ĝi sufiĉus, por — en gazetoj, flugfolioj, paroladoj, kinoj, radio ktp. — al la eŭropanoj de Portugalujo ĝis la Uralo, ĝis en la kabanon de l' senalfabetulo, porti la komunikon, ke la popolo ne volas militon, ĉar per milito nenio estas atingebla, kaj ke tial la armeoj kaj la flotoj estas superfluaj. Ĉiu — post tia klarigado — mem trovos la solvon, ke la plej bona landa defendo estas la eldirado de la propra pacemo, ĉar oni konvinkiĝis, ke la „hereda malamiko", fikciita de la internacia armada industrio, tute ne ekzistas. Ĉiu ekscios, ke la nombro de la homoj, kiuj konscie kaj libervole estas irontaj en la militon por lasi pafmortigi sin, estas tiel malgranda, ke oni povos, per la mono ŝparita ĉe la armadoj, trankvile aĉeti al ili unu insulon, kie ili, per la pafmateriało volonte transdonita al ili, povos aranĝi inter si ĉian formon de atakaj, defendaj, „preventivaj", surteraj, aeraj kaj maraj militoj.

La propono de la Internacia Ligo por la Rajtoj de l' Homo, transpagi unu dekmilonon de la armea budĝeto de **ĉiuj** landoj por la propagando de l' paco, estas tre memkomprenebla. Sed ĉu eĉ tiun sumeton la registaroj de Eŭropo dediĉos al la porpaca propagando? Se ne, oni sciu, kion envere signifas la belaj certigoj de la ŝtatuloj!

*) Disipi = dise forigi.

# Pri popol-lingvoj.

De Thea Herbert.

**Mussolini kontraŭ fremdvortoj.**

Antaŭ iom da tempo Mussolini dekretis, ke ĉiu fremdvorto en negoca anonco aŭ reklam-elpendaĵo estas impostenda. Tiel ankaŭ la uzo de l' vorto „hotelo" estas impostata. Al ĉiuj oficistoj li ordonis severe, eviti ĉiun fremdvorton en sia korespondado. Tio rilatas precipe ankaŭ al oficialaj anoncoj, por ke estu evitate, ke estraroj devas pagi fremdvort-imposton.

**Lingva emancipo.**

La ukraina registaro proklamis la 7. 7. 1927 la egalecon pri ĉiuj lingvoj, kiuj en Ukrainujo estas parolataj. Ĝi publikigas siajn dekretojn en ukraina kaj rusa lingvoj, kiel ankaŭ en la idiomoj de l' malplimultoj.

**Germanaj loknomoj meze de Francujo.**

Proksime de Reims ni trovas: Rethel, Asfeld, Biermes, Fidel. De ĉi tie nordokcidente situas: Hazebrouck, Cassel, Dunkerque (Dünkirchen) kaj Volksrinckhoven. Ĉiuj ĉi nomoj havas sendube germanan devenon. Ili memoriĝas pri tio, ke en tiu regiono iam, en frua mezepoko, regis germanaj reĝoj. Ankoraŭ en la jaro 813 la koncilio de Reims ordonis al la nordfrancaj episkopoj prediki germane. Sed poste la franca lingvo, t. e. latino disvolviĝinta en la buŝo de keltoj, elpuŝis la germanan idiomon.

**Fremdaj nacilingvoj en Japanujo.**

Prof. Sata el Osaka (Japanujo) parolis en la pasinta jaro (20. 7.) en la universitato de Bonn (Germanujo) pri la temo „Okcidenta influo al la japana kulturo". I. a. li diris: Sur la kampoj de medicino, ĝeneralaj natursciencoj, juro kaj militscienco estras depost ĉ. 1900 la germana idiomo. Ĉefa trafika lingvo estas la angla. La franca perdis je graveco. En la 50 superaj gimnazioj, preparejoj por la universitata studo estas instruataj hodiaŭ precipe la angla kaj germana idiomoj.

**Movado en Ĥinujo kontraŭ la franca lingvo.**

Laŭ la franca gazeto „Temps" oni ekprocedis en Ĥinujo kontraŭ la uzo de la franca idiomo en la administracioj, en kiuj estis okupitaj francaj kaj belgaj oficistoj. Jam delonge la francoj kaj belgoj estas eksigitaj el la direkcio de la fervojoj de Juennan kaj Kinhan. Ankaŭ la instrukurso por franca lingvo en la universitato de Pekin estas nuligita. Laŭ mandato de sia registaro la franca ambasadoro en Pekin protestis kontraŭ tio.

**Ankoraŭ alia lingvo.**

En sia interesa verko „Les langues dans l'Europe nouvelle", Profesoro Meillet diras, ke la formo de kelta lingvo parolita en Kornvalo ĉesis esti parolata en la 18-a jarcento. Laŭ s-ro Worth, ĝi similis la kimran kaj bretonan lingvojn, kaj estis ĝenerale uzata en Kornvalo ĝis la fino de la 16-a jarcento, kaj por religiaj diservoj ĝis 1678. La lasta parolinto estis Dorotea Pentreath, kiu mortis en Mousehole en 1778.

Sed lastatempe mi renkontis s-ron Allin-Collins, kiu parolas tiun lingvon. Li havis irlandan patrinon kaj kornvalan patron. Li jus publikigis lernolibron de la lingvo enhavantan vortaron, interparolojn kaj rakontojn. Eble lingvistikaj studentoj ŝatos kompari kelkajn vortojn kun irlandaj samsignifaj vortoj. La vortoj sekvas en jena ordo: unue, irlande; due, kornvale. Alta, ard, arth; malalta, iseal, ysel; varma, te, tom; bona, mait, mâs; nigra, dub, du; belega, breag, brâv; fajro, teine, tân; persono, duine, dên; virino, bean, ben; oro, or, our; mano, lam, laf; pordo, doras, doras; roko, carn, cârn; nomo, ainm, hanon; rivereto, sruit, strat; domo, tig, ty. Oni klare vidas, ke ili estas parencaj lingvoj.

Emma L. Osmond.

# Juĝo pri Esperanto.

**Kion diras la fama aviadisto Mittelholzer.**

„Tio estas por ni unu el la plej malhelpaj kaj plej maloportunaj faktoj," diris la piloto dum intervjuo, „ke la internacia aertrafiko certe kunetiras (= malgrandigas) Eŭropon, sed ke la lingvaj limoj efikas ĝuste je ni. Ju pli longaj fariĝas la distancoj, kiujn transflugas la unuopa piloto, tiom pli da lingvoj li trovas ĉe sia vojo. Ĵus parolinte kun ruslingvanoj, li estas de la tuj poste renkontataj alparolata pollingve, kaj de la sekvontaj germane . . . Je la 9-a horo li parolis angle, je la 11-a li devas babili holande, je la 12-a france . . . Pri tio oni bezonus nenion diri, se la konversacio limiĝus je: Yes — Oui — Si — Ja! aŭ je: Good bye! — Bonjour . . . au revoir! — Grüß Gott . . . auf Wiedersehen! — Buon giorno . . . addio!! — Sed ne estas tiel. Kiam aviadilo alteriĝas, en la duona aŭ tuta horo de ĝia restado devas esti priparolataj cent teknikaj aferoj, devas esti akceptataj deziroj, devas esti petataj informoj . . . »tohuvabohu« (t. e. miksaĵo) da specialaj konceptaĵoj flugas tra la aero, kaj kun la tiel nomita »perfekta scipovo« de la lingvo oni atingas malmulte. — Ne plu longtempe oni penos per tia helprimedo. — Ju pli ampleksa fariĝos la lingva kampo de speciale flugteknikaj terminoj, des pli necese fariĝos, krei unuecan lingvon por la aerodromoj. Por ni aviadistoj, Esperanto »kuŝas en la aero«! (T. e. ĝi estas preta.) Devas ekzisti komuna lingvo, per kiu ni povu trakti niajn aferojn en la aerodromoj. Laŭ la nunaj cirkonstancoj ŝajnas, ke la babilona lingvomiksaĵo estas inventita ĝuste por malbontrakti la aviadistojn."

# Kuriozaĵoj: Ludoj de hazardo.

Kiam en varia vivo regule ripetiĝas iuj fenomenoj, ni ilin nomas aperoj leĝaj — se ni scias ilian kaŭzon, aŭ aperoj hazardaj — se ni ne scias ĝin. Tiuj lastaj igas mediti (senrezulte) la superstiĉulojn, kaj amuziĝas la realistojn. En nia esperantista mondeto antaŭ okazas kuriozaj hazardaĵoj, ekz. la nombro 28, pri kiu raportis jam du naciaj esp. gazetoj. Hodiaŭ ni senkomentarie notos nomajn triopaĵojn, kiujn certe rimarkis observemuloj.

Ni komencu de la jaro 1890, kiam sinjoro **De Wahl,** esperantisto, faris grandajn reformojn en Esperanto, sen trovi la aprobantojn, nun li havas sian propran lingvon „Occidental". En 1907 alia nobelulo, s-ro **De Beaufront,** forlasis Esperanton . . . por sukcesigi sian „Idon". Kaj fine s-ro **De Saussure** foriĝis el nia rondo por fabriki serion da siaj lingvoj, lastmomente la „Esperantidan". Ŝajnas ke nur tri sinjoroj grandskale faris imitaĵojn, por plibonigi nian lingvon, kaj ĉiuj tri uzas **De** antaŭ sia nomo.

En 1908—1910 tri personoj laboregis super E.-E. vortaro: **Boirac, Bein, Bastoul** (Fauvart-).

En 1912—15 tri bonegaj paroladistoj vojaĝis tra la mondo: **Privat, Parrish, Pitlyk.**

Post la milito okazis tri kongresoj en urboj, kies nomoj enhavas sonon h: **Hago, Praha, Helsinki.**

Post ili sekvas tri kongresurboj kun sono n: **Nürnberg, Wien, Milano.** Se vi, kara leganto, dubas, rigardu la tri unuajn kongresurbojn kun litero g: **Boulogne, Genève, Cambridge,** la tri sekvintajn kun litero n: **Dresden, Barcelona, Washington,** la tri pluajn kun r: **Antverpeno, Krakovo, Berno.** Por ne difekti la seriojn, la hazardo ne permesis la Dekan, ĉar . . . la kongresurbo (Paris) elektita havis nomon kun r!

Tri plej severaj fundamentistoj estas s-roj C., C., C., kontraŭ kiuj staras tri nekorekteblaj reformemuloj s-roj S., S., S.! En nia literaturo ni havas **tri Zamenhof:** Lazaro, Leono, Felikso, **tri Dresen:** Hilda, Agnes, Helmi, tri italajn eminentulojn **M.,** tri germanajn verkistojn **B., tri Ŝvarc, tri Mejer, tri Fiŝer, tri Ŝmidt,** kaj la ceterajn triopojn vi mem, kara leganto, serĉu, tio al vi almenaŭ donos bonan okazon trastudi nian movadon. Se la nomitaj triopaĵoj nenion pruvas, ili utilas kiel memorhelpa (mnemoteknika) rimedo por fiksi memorindajn faktojn.

O. D. Ribaulb.

# La tago de la patrino.

De post 1923, ĉiujare la duan dimanĉon de la belega monato majo, oni festas en Aŭstrio la „Tagon de la patrino".

Ĉi tiun dimanĉon oni dediĉas por honori la patrinon, por danki al ŝi ĉian amon al ni faritan, por danki al ŝi pro ĉiuj zorgoj, kiujn ŝi havis dum nia infaneco . . .

Ŝi nutris nin per sia propra mamo; ŝi instruis al ni la unuajn vortojn; ŝi, kiel la unua, interplektis niajn manetojn por la preĝo; ŝi direktis niajn unuajn paŝojn, ŝi laboris, toleris, suferis pro ni.

Ŝi gvidis nin tra la unua tempo de nia vivo, ŝi gardis nin, ŝi ŝirmis nin; ŝi atentigis nin je danĝeroj — ŝi ĉiam intencis nur sole nian feliĉon.

Kiam ni estis feliĉaj, ŝi ĝojis kun ni . . .

Kiam ni estis malfeliĉaj, ŝi — kaŝe — ploris; sed — malkaŝe — ŝi helpis!

Kaj kiam ni kulpis, ŝi estis la unua, kiu nin senkulpigis; ŝi estis la unua, kiu pardonis.

Pro tio ĉi kaj pro multaj aliaj dankindaj faroj de la patrino ni dankas al ŝi je la „Tago de la patrino" . .

Kiel? — — Kiel? — — :

Per preĝoj, per dankvortoj — parole kaj skribe —, per iu ajn donaco, per — per — per ĉio ebla . . .

Kaj kiam jam mortis la patrino, tiam ni vizitas okaze de la „Tago de la patrino" ŝian tombon, ornamante ĝin per floroj la plej belaj.

Al la patrino ni nur unu riproĉon povas fari: ke ŝi nin forlasis lasante nin solaj en ĉi tiu mondo, en ĉi tiu malagrabla vivo — sen ŝia konsolo, sen ŝia konsilo, sen ŝia helpo . . .

Mad. Kl.

# Humoro.

**Amerika spritaĵo.**

Aŭstralia komponisto rakontas, ke li savis sin de kanibaloj en la suda maro nur per tio, ke li antaŭ ili dancis sian plej novan „Charleston". Tion oni tre bone povas kompreni, ĉar laŭ la ĝenerala kredo de la necivilizitaj popoloj la frenezuloj ĝuas la specialan protekton de la ĉielo.

(El Palo Times trad. Paul Brendgens.)

**Esperanto aŭ itala lingvo?**

Karlo skribas: . . . filo, caro, via, frate, presi, doni, ero, servo, due, tre, io, sono, prete, lui, ago, male, volo, peli, . . .

Petro: Mi gratulas vin, Karlo, ĉar mi vidas ke vi lernas Esperanton . . .

— Esperanton?! sed mi ekzerciĝas en la itala lingvo!

(Esperante: fadeno, kara, vojo, monako, [mi] prenis, donacoj, [mi] estis, servisto, du, tri, mi, estas, pastro, li, kudrilo, malbono, flugo, haroj.)

F. Z. Mantova.

# Letero.

(Al H. A.)

Neĝas . . . senvoĉe . . . sen limo . . .
La neĝo
Sur ŝian virgan animon
Falis per preĝo.

Blanke. Mallaŭte. Feliĉe.
En koro
Ĝemos senvoĉe sed riĉe
Sincera ploro . . .

Tiam la frunto kliniĝas
Al tero . . .
Neĝas . . . neĝas . . . Finiĝas
Stranga letero.

Eug. Rittenberg, Warszawa.

# La utilo de Esperanto.

(Originala rakonto.)

Trankvilo regas en la vilaĝeto Nieuwkerk apud la Giessen-rivereto, kiu enfluas en la riveron Merwede apud Hardinxveld. Estas bela printempa mateno, la infanoj estas en la lernejo, la dommastrinoj sin okupas hejme, nur tie ĉi kaj tie oni vidas kamparanon laborantan sur la kampo. La silento estas kvazaŭ perceptebla, ĝis subite malforta ronkado trafas nian orelon kaj nia okulo ekvidas alproksimiĝantan aeroplanon. Ĝi malleviĝas, flugas super la vilaĝo, faras rondon ĉirkaŭ la malnovan preĝejoturon kaj super la vastaj herbejoj, kvazaŭ ion serĉante. Subite la aspekto de la vilaĝeto tute aliiĝis. Ĉiuj kortoj kaj vojoj kvazaŭ per sorĉbastona frapo estas plenaj je ekscitite parolantaj rigardantoj, logataj eksterdomen pro la neordinare proksima ronkado de la aeroplano. Ili kuras ĉirkaŭ la domojn por sekvi ĝin per la okuloj, kaj jen, ĝi tute mallevas sin, ektuŝas la teron kun kelkaj saltetoj, veturas pluen kelkajn dekojn da metroj kaj ekhaltas, iomete kline malleviĝinte, en longfoseto.

Ree la vilaĝeto aspektas alie ol antaŭ kelkaj minutoj. Amase la vilaĝanoj rapidas al unu punkto. Du fluoj da homoj en kontraŭa direkto moviĝas antaŭen kaj renkontas sin ĉe la plektobarilo, kiu fermas la herbejon, en kiu haltis la aeroplano. La rapiduloj ne perdas tempon malfermi ĝin, ili per unu salto transiĝas. La pli trankvilaj malfermas la barilon, kaj kiam la vojo estas libera, ĉiuj povas eniri nemalhelpate. Iu farmservistino estis inter la unuaj; ŝi estis survoje kun du siteloj da lakto, sed ŝi demetas ilin en sendanĝeran lokon kaj kuras en la herbejon. Ŝi tute ne atentas la vojon, kaj baldaŭ unu el ŝiaj lignaj ŝuoj postrestas en la koto de la marĉa herbejo. Estas ne grave, la virina scivolemo pelas ŝin pluen sur unu ligna ŝuo kaj unu blua trikita ŝtrumpo. Ŝin sekvas la edzino de la tajloro, akuŝiĝinta antaŭ du semajnoj, sed ne ekzistas pli forta motivo ol la supre nomita virina scivolemo: nek vindistino, nek suĉinfano povis reteni ŝin. — Farmistoj kaj servistoj, metiistoj kaj servolernantoj, neniu restas en la domo. En la postgvardio*) venas la patrinoj kun malgrandaj infanoj. Ne kuraĝante lasi ilin solaj en la domo, ili tamen koleras kaj murmuregas; kiam la etuloj ne komprenas la gravecon de la okazintaĵo.

Homoj, kiuj ĉiun tagon vidas aeroplanojn flugantaj super iliaj urboj kaj tute alkutimiĝis al tio, kaj eble forgesis, ke ankaŭ ili iun tagon vidis unuafoje aeroplanon leviĝantan, kaj ne povis reteni siajn larmojn pro entuziasmo kaj eksciteco, tiuj homoj kun kompata rideto estus rigardintaj la spektaklon en la malgranda vilaĝo. Sed en Nieuwkerk malofte transflugis aeroplano, la grandaj aervojoj plejmulte estas laŭlonge de la grandaj riveroj, kaj la maljuna patrineto, kiu tute malantaŭe malfacile iras sur la kota herbejo, malesperis jam en sia vivo vidi aeroplanon. Duonblinda, ŝi ne povis vidi la maloftajn, kiuj alte en la ĉielo preterpasis, kaj devis kontentiĝi per tio, ke ŝi almenaŭ aŭdis ilin. Nun ŝiaj okuloj brilas ne pro scivolemo, sed pro ĝojo, ĉar ŝi neatendite tamen estas vidonta tiun plej grandan eltrovaĵon de la nova tempo.

Dume la aeronaŭto*) estas rampinta el sia maŝino kaj rigardas ĉirkaŭen. Li ne bezonas longe atendi, ĉar jam la unuaj rigardantoj montriĝas. Li do kviete atendas kaj, kiam granda rondo ĉirkaŭas lin, li alpaŝas al unu el ili kaj faras kelkajn demandojn. La alparolito ne komprenas lin, iom deflankiĝas, kvazaŭ la demando ne estus farita al li, kaj la aliaj rigardas sin, stulte ridetante, la manojn enpoŝigante kaj transigante tabakmaĉaĵon de unu vango en la alian. Li videble ekscitiĝas, precipe ĉar li ekhavas multan penon restigi je sufiĉe granda distanco la scivolemajn rigardantojn, el kiuj kelkaj kuraĝuloj jam klopodis turni la helicon.

„Wo bin ich, wo bin ich?" li fine ekkrias, kaj tiu krio efikas, ĉar iu junulo faras paŝon antaŭen. Li unufoje faris vojaĝeton laŭlonge de la Rejn-riverego kaj scias kelkajn germanajn vortojn.

„Meinher," li diras, „du bist krek hinter de stee van Klaas Blokland." (Sinjoro, vi estas ĝuste malantaŭ la farmejo de Klaas Blokland.)

„Ja, Klaas Blokland," ĥore diras la ĉeestantoj, montrante unu el la farmejoj en la proksimeco, kaj ĝojante, ke fine komprenebla vorto estas aŭdata.

Kun tio ĉi ankaŭ la fremdlingva scipovo de la junulo finiĝas, kaj la fremdulo ne multe progresis.

Li ekprenas grandan karton kaj komencas esplori ĝin, sed evidente sen rezultato, ĉar levante la ŝultrojn kaj koleriĝante pro la stultaj kampuloj, li decidas foriri.

Tiam vico de aliaj rigardantoj alproksimiĝas. La granda okazintaĵo estis eĉ penetrinta en la lernejon, kaj la lernejestro prave opiniis, ke objektiva leciono tie ĉi pli efikos ol legleciono pri la leono, kiu estas forta kaj la domo, kiu estas alta, kaj li permesis al la gelernantoj iri rigardi la mirindaĵon sur la kampo de

*) T. e. kiel lastaj. — Rim. de Red.

*) T. e. aernaviganto. — Rim. de Red.



**Esperanto-kurso ĉe la ĝendarmaro de Wien.**

En la februara numero ni publikigis foton pri Esperanto-kurso ĉe la ĉeĥoslovaka ĝendarmaro. Hodiaŭ ni povas bilde prezenti al niaj legantoj la partoprenantojn de Esperanto-kurso ĉe la ĝendarmaro de Wien (Aŭstrio). En la antaŭa vico en la mezo oni vidas la kursgvidanton s-ron ĉefinspektoron **Hugo Steiner**; dekstre de li (sur la bildo) troviĝas ĝendarma ĉefinspektoro **Hubert Jesser** kaj distriktinspektoro **Josef Siml**, la fervora pioniro de Esperanto inter la aŭstria ĝendarmaro.

# El Scienco kaj Tekniko.

## Falis meteorito.

De **Leonid Kulik**,
meteorit-fakestro de la Scienca Akademio de USSR.

Pasintan jaron mi sukcesis plenumi esploran ekspedicion ĝis la falloko de grandega meteorito — norde de Podkamenajo Tungusko. La ekspedicio donis riĉan materialon kaj fariĝis la kaŭzo por ekipi en la nuna jaro (1928) novan grandan ekspedicion, kiu celas detalan esploron de tiu regiono kaj eligon de pecoj de la meteorito el la tero.

Jen kio okazis la 30-an de julio de la jaro 1908:

Ĉirkaŭ la 7-a horo de serena senbrua mateno, preskaŭ sur la tuta tereno inter la riveroj Eniseo (Jenisej) kaj Lena, estis observata momenta falo de okulblindiga fajra korpo el la ĉielo. La korpo eniĝis en la tajgon (nomo de la tiea regiono). Post tio leviĝis el la tero al ĉielo fajra kolono, kovrita per ĉapelo de nigra fumo, kaj estis aŭdataj surdigaj sonoj, kiajn oni povis similigi nur al fortaj fulmotondroj aŭ forta artileria pafado.

Laŭ informoj kolektitaj de mi, tiaj sonoj estis aŭdataj de la distrikto Turuĥansko ĝis tiu de Usinsko, kaj de Tomsk ĝis la enfluejo de la rivero Vitin, enfluanta en Lena'n de sudo. La aera ondego, disruliĝinta sur tiu ĉi spaco, kaŭzis ne nur sonajn efikojn sed ankaŭ malfacilan mekanikan laboron: ĝis 700 kilometroj suden ĝi faligis homojn kaj ĉevalojn, ondigis akvon en riveroj kaj lagoj, kaj je dekoj da kilometroj de la falcentro ĝi suprenlevis kaj aerportis lokajn loĝantojn kun iliaj tendoj („ĉum"). Tia fortega aerpuŝo estis certe markita de specialaj instrumentoj (barografo) en la urbo Kirensk (s. Lena), kaj en Irkutsk (s. Angaro, proksime de la Bajkal-lago). La unua de tiuj ĉi urboj troviĝas je 400 kilometroj kaj la dua je 900 kilometroj de la falloko. Krom tio, en la momento de la falo, la sismografoj markis en Irkutsk teran onden, kies elira punkto koincidis kun la falloko. Tiel forta estis la frapo de l' meteorito al la tero.

Sed proksime de la falloko, krom la supre cititaj fenomenoj, estis observataj ankoraŭ aliaj neordinaraj fenomenoj. La fajra korpo eligis dum sia mallongtempa flugo tra la aero tian varmegon, ke observantoj je distanco de cent kilometroj kaptis siajn ĉemizojn kredante, ke ĉi-lastaj brulas. Ĝis nuntempe lokaj loĝantoj persiste certigas, ke ili vidis falantan, brulantan arbaron, ke la fajro falinta de la ĉielo bruligis la tajgon je granda distanco, ke tiam estas brulmortigitaj miloj da cervoj kaj eĉ hundoj pereis. Tuta amaso da memvidintoj unuvoĉe deklaras, ke dum la momento de l' falo de la fajra korpo, en senbrua kaj serena mateno, je dekoj da kilometroj arbaroj estis faligataj ĉiuflanken, la faligitaj arboj per la suproj estis direktitaj eksteren de la centro de l' falo; ke en la centro fariĝis kavoj kaj la tero estis movigata.

Mi kolektis la plej grandan parton de tiuj ĉi sciigoj dum mia unua ekspedicio en la jaro 1921. Pasintan jaron mi sukcesis pene atingi la lokon de la falo kaj kontroli ĉiujn-ĉi famojn. La sciigoj estis konfirmataj pli ol oni povus atendi. La areo de la faligita arbaro estis grandega — kelkmiloj da kvadrataj kilometroj. La tajgo tie ĉi estis forbalaita entute. Lasta fakto estis evidenta precipe sur la montoj ĉirkaŭantaj la centron de la falo: ĉi tie la arbaro kuŝas ne nur je regulaj vicoj sed ankoraŭ per la suproj — eksteren. La centra parto de la regiono de l' falo je centoj da kilometroj havas sendubajn signojn de samtempa kaj egalmezura brulvundo kaŭzita tute ne per tera incendio.

Rilate al sama centro de la falo: tie, en la orienta parto de la montĉirkaŭita valo, la tero estis, je dekoj da kilometroj, sursemita de diversdiametraj (ĝis 50 metroj) plataj, abruptaj kavoj formiĝintaj en torfaj tavol-kovraĵoj: tiuj ĉi lastaj (la torfaj tavol-kovraĵoj) havas nedubeblajn signojn de demoviĝo, forminta vicon da paralelaj faldoj.

Turnante nin al la teorio, ni vidas, ke tiaspeca aspekto povas fariĝi nur en la okazo de l' falo de grandega meteorita maso, dispeciĝinta je granda nombro da diverspezaj pecoj, kies plej grandaj devas esti pli pezaj ol proksimume 130 tunojn. Tiaj grandaj pecoj devis fali tien, kie formiĝis la grandaj kavoj kaj kie estis demovigita la torfa tavol-kovraĵo. Ordinaraj, malgrandaj meteoritoj, fendantaj la ĉielon kiel fajraj globoj, estas fine haltigataj de la aero kaj falas teren, ŝanĝante sian rektlinian vojon kaj subiĝante al la tera altiro. Alie fariĝas kun meteoritoj havantaj pezon de pli ol 130 tunoj. La aero ne povas haltigi ilin, kaj ili, ne ŝanĝante sian rektlinian direkton, kun resto de kosma rapideco eniĝas en la teron sufiĉe profunden. Ĉe tio ili estas ĉirkaŭitaj de gaznuboj kaj ardigitaj ĝis kelkmiloj da gradoj.

Simila fajra nubo ja estis kondiĉo de tiuj fenomenoj konstatitaj de memvidintoj kiel la brulo de falanta arbaro, forbruligo de cervoj ktp.

La meteorita scienco ankoraŭ ne notis tiajn falojn dum historia tempo (krom kronikaj legendoj). Estas ja komprenebla la malkonfido eĉ al amasaj atestaĵoj de memvidintoj, kia ĝi estas observata ĉe iuj el niaj scienculoj kaj kia ĝi estas la sekvo de nia nescio de la cirkonstancaro de similaj kolosaj faloj.

Okazis, ke mi estas la unua esploranto kaj interpretanto de tia cirkonstancaro, kaj mi mem sukcesis orientiĝi min en tiu ĉi afero nur post dua ekspedicio en Tunguskon en la jaro 1927, kiam mi povis pene atingi la lokon de la falo kaj kelkfoje piede ĉirkaŭiri kaj transpasi ĝian centran lokon, kiu okupas preskaŭ duonmilon da kvadrataj kilometroj.

Bedaŭrinde, la manko de monrimedoj kaj de tempo malhelpis min detale esplori la tutan fallokon. Tio do estas la celo de la preparata (de mi) ekspedicio por la nuna jaro, kiu devas solvi devigan taskon: ne nur kiel eble plej plene esplori la cirkonstancaron de la falo kaj elterigi specimenojn de la meteorito, sed ankaŭ dokumentigi la tutan ekskluzivan cirkonstancaron de tiu ĉi sensacia okazo, por ke estu eble ekuzi la ricevitan dokumentan materialon en la kvalito de historiaj dokumentoj kiel por la nuntempo tiel ankaŭ por estontaj sciencaj laboroj.

El gazeto „Veĉernjaja" (Vespero, Moskvo)
tradukis **A. Sizemskij.**

Adreso de la tradukinto: A. Sizemskij, 3-a Meŝĉanskaja, d. 47, d. 31-a, Moskva 10, U. S. S. R.

### La universo, en kiu ruliĝadas la terglobo.
### Miroj kaj miroj kaj miroj.

Radio-ondo, ĉirkaŭiranta la terglobon en sepona sekundo, devas vojaĝi eble ne malpli ol cent mil milionojn da jaroj, antaŭ ol rondiri ĉirkaŭ la universon. Tio estis unu el la surprizigaj pensoj elparolitaj de la brila sekretario de la Reĝa Societo en Londono, D-ro J. H. Jeans, antaŭ ĉi tiu societo. Kvankam almenaŭ dekmil generacioj da homoj jam vivadis sur la tero, la homaro estas nur je la komenco de sia ekzistado, tiel diris s-ro Jeans. Fakte ĝi similas nove naskitan infaneton kun ĉiuj neesploritaj eblecoj antaŭ si. Post miliono da milionoj da jaroj, laŭ nia scipovo, la suno estos sama kiel nun, kaj nia planedo rondiros ĝin same kiel nun. La jaro plilongiĝos kaj la klimato plimalvarmiĝos. La karbo, oleo kaj la arbaregoj en tiu ĉi malproksima tempo estos delonge forbruligitaj.

Klaas Blokland. La longa procesio de interesplenaj infanoj alvenas sur la »aerodromo«, kondukata de la nova jus el la urbo alveninta instruisto.

„Kio okazas tie ĉi?" li demandas al unu el la ĉeestantoj.

„Ni ne scias," estas la respondo, „tiu viro parolas tian komikan lingvon, ni ne komprenas lin."

La instruisto iom pli atente rigardas la malesperigitan aviatoron*), sed subite li ridetas kaj kun grandaj paŝoj iras al li.

„Ĉu mi povas helpi vin, sinjoro?" li demandas en Esperanto. La aspekto de la alia subite sanĝiĝas.

„Ĉu tie ĉi estas esperantisto? Ho, kiel mi ĝojas trafi samideanon!" li diras, kaj la du viroj premas al si reciproke la manon.

La afero nun baldaŭ solviĝas. La aviatoro estas germano, iranta al Rotterdam. Li perdis la vojon kaj, serĉinte taŭgan terenon, li alteriĝis por informiĝi, kie li estas. Sed neniu komprenis lin, ĝis la instruisto vidis sur la brusto la verdan esperantan stelon, kaj kompreneble tiam ĉiuj malfacilaĵoj estis venkitaj. La instruisto informas lin, kaj la aviatoro, tute degeliĝinta, demandas, ĉu lia nova amiko eble ŝatas kuniri, por ke li estu certa pri tio, ke li ne denove perdu la vojon, kaj la instruisto ĝoje konsentas.

Per komunaj fortoj la aeroplano estas levata el la longfoseto kaj veturigata en tia direkto, kian ĝi bezonas por preni sufiĉe longan ekkuron. La du viroj grimpas en ĝin kaj sidiĝas. Kiam la ĉeestantoj estas flankenirintaj, la motoro ekzumas kaj la helico komencas turniĝi, unue malrapide, sed baldaŭ la aloj tiel rapide moviĝas, ke oni nur vidas trembrilantan cirklon, kaj subite kun ektiro la aviadilo iras antaŭen, saltas super la talpejojn kaj malebenaĵojn de la tereno; la saltetoj fariĝas facilaj kaj pli grandaj; jam apenaŭ ĝi tuŝas la teron, kaj — hura! — ĝi flugas! Ĝi flugas inter la vicoj de salikoj, leviĝas super ilin, turniĝas super la senspiraj rigardantoj, kiuj per svingantaj ĉapoj kaj hura-krioj sendas lastan saluton al la aerveturantoj.

Alten, pli alten leviĝas la aviadilo, direktas sin okcidenten, kaj post kelkaj minutoj ĝi malaperas en la nebula aero.

La vilaĝanoj reiras hejmen, kaj baldaŭ la vilaĝeto ekstere estas tiel mallaŭta kaj soleca kiel antaŭe; sed en la domoj oni ankoraŭ longe priparolas la grandan okazintaĵon, kaj neniu murmuras tiun tagon pro brulintaj aŭ ne sufiĉe kuiritaj manĝaĵoj.

W. Versteeg-Graftdijk.

*) T. e. la aviadiston. — Rim. de Red.

## Festeno de kuracistoj en Usono.

Antaŭ nelonge, 200 disĉiploj de Eskulapo kunvenis por korporacia festeno en usona mezgranda urbo. Post paroladeto de la prezidanto, oni komencis ĝue gustumi la manĝaĵojn, kiuj estis ĉiuj tre gustoplaĉaj; sed, ĉar Usono estas „seka lando", la trinkaĵo estis nur glaciigita akvo. Subite tri policanoj gvidataj de policestro entrudiĝas en la festenoĉambron, certigante ke la leĝo de malpermeso de alkoholaj trinkaĵoj estas transpaŝita. Efektive, post zorga esplorado, la policanoj trovas sub la tablo kelkajn malplenajn botelojn da „Scotch Whisky", kaj en la poŝo de unu el la kunmanĝantoj plenan botelon de la dirita likvoro. Ĝenerala emocio! La policestro decidas, ke la prezidanto kaj la kulpulo, kiu posedis sur si mem plenan botelon da „Scotch Whisky", estu tuj kondukataj al la arestejo. Oni traktadas. Oni promesas pagi monpunon, kaj fine la prezidanto invitas la policestron kaj liajn subulojn sidiĝi kaj partopreni ĉe la festeno; post hezitoj ili akceptas.

Tiu-ĉi-momente alvenas gazetvendisto; li ofertas „Elektrogram" — ĵurnalon tiel rapide informitan, ke ĝi jam entenas detalojn pri la ĵus okazintaj (ĉe la festeno) flankokazoj; plie ĝi entenas amuzajn kritiketojn kaj ŝercmensogojn pri la prezidanto kaj la plej konataj ĉeestantoj. La prezo de la dirita gazeto estas notata: unu rideto.

La festeno daŭriĝas, dum aŭdiĝas furiozega jazbando, sed iuj forte frapas sur la pordo. Estas kelkaj homoj, kiuj vane serĉis kuraciston en la urbo; ili alkondukas mizerulinon por medicina ekzameno, ŝi estas 75-jara virino paralizita de kvin jaroj. La prezidanto vane diras, ke nenio urĝas, ke ne estas momento por ordinacio. Fine por eviti plendaĉojn, la plej juna kuracisto el la kunmanĝantoj estas komisiata por kuraci la paralizitinon, kiu estas sur radethava apogseĝo. Post kelkaj minutoj da kuraca movigado unu kruro funkcias, poste la dua, poste la brakoj, kaj la malsanulino subite stariĝas. Oni gratulas la kuraciston, sed — neatendita renkonto — ŝi forigas sian grandan mantelon, kaj aperas juna bela dancistino, nur vestita de kelkaj floroj; sekvas kelkaj minutoj da agrabla dancarto.

Post gajaj kantoj kaj balo finiĝis la kunveno.

Postrimarko: Lastmomente oni sciigas nin, ke la policanoj estis vere kuracistoj — pseŭdopolicanoj, zorge travestiitaj por ŝercamuzi siajn kunfratojn.

Eltiraĵoj el artikolo de D-ro J. Reynault en „Vie Médicinale", Pariza med. ĵurnalo.
Br.

## Urso kaj kamparano.

Iam ametis sin reciproke kamparano kaj urso. Ili interkonsentis planti terpomojn. La urso diris: „Kio elkreskos, estos dividata poduone inter ni." La kamparano respondis: „Bone, mi prenos la radikojn, vi prenu la suprojn!" — „Mi konsentas," diris la urso.

Elkreskis grandaj terpomoj. La kamparano ilin elfosis, kolektis kaj lasis la sekan foliaĵon por la urso. Murmuris la urso, sed kion li devis fari?

Duan jaron demandis la kamparano la urson: „Kion ni semos kune denove?" — „Tio min ne interesas," respondis la urso, „sed vi prenos la suprojn kaj mi la radikojn." — „Estu laŭ via plaĉo!" diris la kamparano kaj semis tritikon. La kamparano rikoltis la spikojn kaj la urso nur la radiketojn.

Depost tiu tempo urso koleras kamparanon.

El ĉeĥa lingvo trad. Jaroslav Grodl.

Samtempe, ni kredas, ke niaj posteuloj ankoraŭ vivados sur la tero. La suno, kvankam tiel malproksimega de ni, estas en la universo nur kiel ero da sablo sur la marbordo. Ĝi estas unu membro de tuta familio, kies membrojn oni povas kalkuli je 30 000 milionoj. Ĝi ne havas fonton por repleniĝo kaj ĉiam malgrandiĝadas. Hodiaŭ ĝi pezas 360 000 milionojn da tunoj malpli ol hieraŭ, kaj morgaŭ ĝi pezos 360 000 milionojn da tunoj malpli ol hodiaŭ. Malgraŭ tio, ĝi posedas sufiĉe da energio por doni lumon kaj varmon al nia terglobo dum milionoj da milionoj da jaroj.

J. C.

**Nova kuraco per lumradioj por okul-malsanuloj.**

En la reĝa okul-kliniko en London oni konstruis aparaton, kiu per aplikado de ultraviolaj lumradioj estas kapabla, ĉe kelkaj okul-malsanoj, precipe ĉe iuflamoj, konservi la vidkapablon, kaj eviti la minacantan blindiĝon. Tiu aparato estas jam aplikita en multaj kazoj, kaj oni observis ĝis nun nenian remalsaniĝon ĉe kelkaj sukcesintaj sanigoj, kiuj okazis antaŭ unu jaro. La terapio daŭris ĝenerale ses semajnojn, la unuopa lumradiado daŭris 5—10 minutojn laŭ bezono de speciala kazo.

M. Sch.

# Diversaĵoj.

**Kiom longe vivas birdoj?**

Per ringado oni povas fari statistikon pri la vivdaŭro de birdoj. Ĉe Thomasville, Usono, bruna turdo estis ringita, kaj dum ok sinsekvaj jaroj rekaptita. Blua garolo estis kaptita en sama loko dum ses sinsekvaj jaroj kaj parvoloj dum kvar sinsekvaj jaroj. Sovaĝa anaso, senpove malsana pro alkalia veneniĝo en la marĉoj de la Bear (Urso), rivero de Utah, Usono, estis resanigita kaj ringita aŭtune de jaro 1914. Dekdu jarojn poste ĝi estis mortigita en Kalifornio. La danĝerojn, kiujn renkontadas ĝia speco, ĝi evitis por pli longa periodo ol iu alia ringita birdo laŭ la registrolibroj. Ĉiujare miloj estas forportataj for de la kutimaj vojoj kaj pereas en la oceanoj kiam al ili mankas forto, kaj nur malmultaj savas sin sur pasantaj ŝipoj.

Konsiderante, ke lastan decembron multe da vaneloj atingis Nordan Amerikon, ni povas konkludi, ke la forto de vento, ĝia direkto kaj eble aliaj faktoroj estis nekutime favoraj por tia flugado trans la Atlantikon. Sendube la daŭro kaj destino de tia flugo estis hazardaj. Bonŝancaj estis la birdoj, kiuj sukcesis surteriĝi en Ameriko, sed granda nombro da ili pereis dum tiu flugado. La morto de la malfeliĉuloj, tamen, pliriĉigas nian scion kaj montras al ni, ke iuj aferoj, kiujn ni opiniis neeblaj, estas eblaj, kaj ke ni, opiniante, ke ni ĉion scias, ankoraŭ devas multon lerni.

E. E. Y.

**Nova reformo de rusa ortografio.**

Ĉefa scienca fako ĉe Popola komisariaro por edukado komisiis al scienc-esplora Instituto de lingvo kaj literaturo ĉe Leningrada universitato prepari por eldono plenan ortografian informlibron de plej nova ortografio. Oni projektas: 1. forpeli la molan literon „j" post siblaj literoj en la fino de vortoj; ekz. noĉ (antaŭe oni skribis noĉj), indeŝ, liŝ, uleĉsja k. a.; 2. skribi „o", kun akcento, post siblaj literoj (ĉornyj = nigra, anst. ĉernyj; ŝol anst. ŝel, kiun oni tamen legis ŝol); 3. en la infinitivo skribi la finaĵon tsja sen la litero „j" (antaŭe tjsja); 4. forĵeti la literon „e", uzi ĉie la literon „je"; 5. ne uzi krampetojn, punkton kun komo, deklinacii eksterlandajn vortojn (palto, palta, paltu; antaŭe oni ĉiam diris palto).

V. V.

**La ŝanĝo de la araba alfabeto per la Esperanta.**

Lastatempe en la turka gazetaro denove komenciĝis la propagando por la ŝanĝo de la araba alfabeto per la latina. Certe, tio estas afero delikata, tamen en la epoko de Kemal-Paŝa, plena je agoj de reformo, la turkoj tre facile travivos la adiaŭon de la tre komplika kaj malfacila araba alfabeto.

Sed la simpla apliko de la latina alfabeto en la turka lingvo ne estas ebla. En la turka lingvo ekzistas sonoj egalaj al niaj esperantaj ĉ, ĝ, ĵ, ĥ, ŝ: buĉak = tranĉilo, ĉoĝuk = knabo, eŝek = azeno, ŝeker = sukero ktp. Sekve, necesega estos la aldono aŭ de novaj signoj aŭ de supersignoj. Tiu, kiu konas la turkan lingvon, ekkonos ke nur la latina alfabeto kun la Esperanto-supersignoj povus bonege kontentigi la neceson de preciza skribado de l' turka lingvo per la moderna latina alfabeto.

Al mi ŝajnas, ke la nuna momento estas tre oportuna, por ke niaj turkaj samideanoj montru al la turkaj interesuloj, ĉu per gazetaj artikoloj — ĉu per konferencoj, la aplikeblecon de l' Esperanta alfabeto.

Sendube, por ni la sukceso estos granda. Tie, kie ni ne povos komenci tuj per la gramatiko kaj la vortaro, ni komencu per la enkonduko de „nia" alfabeto, kaj speciale per la „malbenitaj" supersignoj.

P. Hitrow.

**Kiam la maro redonis . . .**

Antaŭ nelonge iu 100-procenta amerikano vizitis dentiston, kompreneble en Ameriko. La dentisto komencis eltiregi la dolorantan denton, sed li kredeble faris tion tiel malbone, ke la suferoj de la paciento estis netolereblaj. Ĉi tiu subite elprenis sian revolveron kaj mortpafis la dentiston senprokraste. — Sed ni ja intencis nun paroli pri tute alia afero. Antaŭ du jardekoj, pli precize en 1907, angla dentisto I. A. Thompson el Dundalk ĵetis en la Mediteranean maron botelon, kiu enhavis paperfolieton kun la informo, ke li riparos senpage la dentojn de la trovonto. Antaŭ nelonge George Christian, fiŝisto sur la insulo Man, trovis la botelon, kiu do en dudek jaroj naĝis de la Mediteraneo al la bordo de Anglujo. George Christian sciigis pri sia trovaĵo D-ron Thompson kaj petis lin plenumi la promeson. La doktoro ja havis okazon deklari, ke ĝi jam estas senvaloriĝinta, sed li estis »gentleman« kaj faris al la trovinto novan dentaron.

Laŭ „Suomen Sosialidemokraatti"
trad. Onni V. I. Salin.

**En la kaptobrakoj de polipo.**

La tempo de monstroj pasis delonge . . . oni diras. Multaj eĉ asertas, ke neniam ekzistis monstroj. Nu, tio certe dependas de la vidpunkto. Kio ja estas monstro? Ŝajne ĉiu vivaĵo, kiu aspektas por ni nekutime . . . „monstre". La bestoj en la zoologiaj ĝardenoj laŭ tio ne estas monstroj, ĉar ni alkutimiĝis al ilia aspekto: la elefanto, la hipopotamo, la rinocero, la leonoj kaj tigroj, la serpentegoj ktp. Ĉi-ĉiuj estas bestoj vivantaj sur la tero. Alie estas ĉe la bestoj vivantaj en la maro, kiujn la kutima homo ne vidas dum sia tuta vivo. La baleno, la ŝarko, la glavofiŝo al la ordinara homo certe ŝajnas monstroj, kaj eĉ pli la polipo. Nur malofte la homo renkontas tian timigkreaĵon, kaj preskaŭ ĉiam tio okazas nur al skafandristo (subakviĝisto). Tiom pli miriga estas la aventuro, kiu okazis antaŭ nelonge al 14-jara knabino, bananta sin sur la norda bordo de Auckland (insulo Nova Zelando), kiu estis atakata de polipo. La monstro kaptis ŝin per siaj brakoj kaj tiris ŝin sub la akvon. Kiam la pli aĝa frato de la knabino alrapidis por savi ŝin, la polipo kaptis ankaŭ lin je la kruro. La juna viro sukcesis deŝiri sin kaj, post terura batalo, li ankaŭ povis savi sian fratinon. Ambaŭ havis sangajn vundojn kaj ŝvelaĵojn sur la kruroj, sed ili ne sentis danĝerajn postsekvojn. Neniam ĝis nun, oni memoras, ke polipo atakis bangastojn.

# Por komencantoj.

**Promenado.**

Printempo nun vekis la kamparon kaj la arbaron el ilia vintra dormo. Ĉio verdiĝis, kaj la herbejoj kovriĝis per multekolora flortapiŝo. Nun estas tempo promeni.

Hieraŭ posttagmeze mi promenadis kun miaj geamikoj al najbara vilaĝo. Ni evitis iri laŭ la ŝoseo, ĉar ĝi estas tro multe uzata de aŭtomobiloj kaj motocikloj, eklevantaj nubojn da polvo. Prefere ni sekvis la piedvojeton, kiu kondukis nin laŭlonge de la rivereto, preter kampoj kaj sate verdaj herbejoj. Alveninte en la najbara vilaĝo, ni vizitis restoracion, kie ni refreŝigis nin per taso da freŝa lakto kaj per pano kun bonega butero. Post kiam ni sufiĉe ripozis, ni iris hejmen. Sed ni elektis alian hejmvojon. Tiu ĉi vojo kondukis tra ombra arbaro kun altaj kaj belaj arboj: kverkoj kaj fagoj, pinoj kaj abioj kaj multaj alispecaj. Ni alvenis hejme en la frua vespero kaj dormis bone post la promenado tra la freŝa printempa aero.

**Aldono.**

Al la hodiaŭa numero estas aldonita prospekto de la Libreja fako de Heroldo, precipe pri **Esperanto-insignoj** (steloj kiel pingloj, broĉoj ktp.). Ni rekomendas la prospekton al la atento de niaj legantoj kaj petas multenombrajn mendojn.



# Anoncetoj.

(Klarigoj: L = leteroj, PK = poŝtkartoj, PI = poŝtkartoj ilustritaj, PM = poŝtmarkoj, MB = monbiletoj, kĉl. = kun ĉiuj landoj, pĉt. = pri ĉiuj temoj, bfl. = [Poŝtmarko] bildflanke.)

Mi korespondas pri la temoj: Teknikaj vortaroj ilustritaj en Esperanto — Akumulatoro de jezuito hispana (priparolita en Verda Stelo) — Kontraŭ katalogoj ilustritaj mi sendas gazetojn ilustritajn sampezajn. C. Daglio, Piazza Martiri 10, Cagliari (Italujo). Bone legebla via adreso!

S-ro Józefo Valko, Ozd, Velenczeitelep 21, Hungario, deziras korespondadi kĉl. kun fraŭloj kaj fraŭlinoj.

S-ro José Gil, Tocina, Sevilla, str. Hospital 18, Hispanujo, deziras korespondi.

21-jara fraŭlo deziras korespondi kun gesamideanoj kĉl. nur per PI (bfl.). Nepre respondos. Adreso: P. Muizis, Ukmege, pest. pulko ŝtabas, Litovio.

10 geesperantistoj, komencantoj, deziras korespondi per PI kun la tuta mondo. Skribu al s-ro Domke, Wüstegiersdorf, Bahnhofstr. 24, Silezio, Germanio. (15

**Leterfolioj** (bona, blanka papero kun verda stelo kaj teksto „Esperanto lingvo internacia") kun kovertoj. Du formatoj. 22×28 cm (2-paĝa) aŭ 14×22 cm (4-paĝa). Prezo: 10 folioj kun kovertoj rmk. 0.40; 100 ekzempleroj rmk 3.— (ekskl. afranko). Mendu ĉe la Libreja fako de Heroldo!

# Enigma angulo.

**La ses abonantoj, kiuj komence de la januara numero ĝis novembro 1928 estos solvintaj la plej multajn enigmojn, rajtos elekti librojn el la propra eldonejo de „Heroldo de Esperanto" je valoro de rmk. 5.—. La solvoj de la enigmoj en la hodiaŭa numero devos alveni ĝis 10. 6., el transoceanaj landoj ĝis 15. 8.**

**1. Silab-enigmo.**

a, a, a, a, an, ar, ci, ci, ci, cy, ĉi, dal, de, di, do, do, dre, e, e, e, e, en, fo, ga, gal, gran, i, ja, ker, ko, kro, ku, las, le, lis, lo, lo, ma, maj, man, me, me, me, mu, mu, na, nan, ne, no, nu, o, o, o, o, o, o, o, o, on, pe, po, po, ra, ri, ri, ris, ro, ro, sav, so, tal, te, tis, to, to, to, to, tro, tu, uj, ul, va, vi, vi, vul, zo.

El ĉi-supraj 86 silaboj estas formotaj 24 vortoj, kies komencliteroj kaj triaj literoj, legataj de supre malsupren, nomas citaton el la poemaro „La Tajdo" de Nikolao Hohlov.

La vortoj signifas: 1. insekto, 2. fama ŝakludisto, 3. religia libraro hebrea, 4. vitrosimila fandaĵo, 5. amerika riverego, 6. franca urbo, 7. salatplanto, 8. atributo de Dio, 9. nedifinitaj, 10. vira antaŭnomo, 11. profesiisto, 12. birdo, 13. egalrajtigo, 14. ŝipveturado, 15. greka filozofo, 16. mondfama organizaĵo, 17. tempmezurilo, 18. valorŝtono, 19. monato, 20. regiono apud Adrio, 21. ekvilibro, 22. centra punkto, 23. floro, 24. vira antaŭnomo.

**2. La Libro-tago.**
De D-ro L. E.

En nia urbo oni festis la naskiĝtagon de nia Majstro per bela festkunveno kaj samtempe aranĝis sukcesplenan librovesperon*). La librovendisto elmetis 302 Esp.-librojn, originalaĵojn, tradukojn kaj prilingvajn verkojn. Oni aĉetis entute 100 librojn, precize $^{3}/_{7}$ de la elmetitaj originalaĵoj, $^{4}/_{11}$ de la tradukoj kaj $^{5}/_{17}$ de la prilingvaĵoj. Kiom el ĉiu speco la vendisto estis elmetinta kaj kiom el ĉiu speco li vendis?

*) Bedaŭrinde mia rakonto estas nur fantazio.

**3. Ĉevalira enigmo.**
De A. L. en B.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| lin'! | e | dol | ta | be |
| plej | Ka | lu | Mi | dor |
| mas | ĉa, | lo | ta | ta |
| re | la | me | sti | min! |
| a | e | su | de | ga |

La ĝusta solvo de la enigmo rezultigos la titolon kaj komencon de poemeto.

**(Solvoj en la julia numero.)**

**Solvoj**
de la enigmoj en n-ro 3.

**1. Silab-enigmo.**

1. UveRturo, 2. NajAdo, 3. IroNio, 4. VenTo, 5. EkzOtika, 6. RabArbo, 7. SakSujo, 8. AbiO, 9. LanCo, 10. ArkItekturo, 11. EntOmologio, 12. SalUto, 13. PotEnco, 14. EkvAcio. — Universala Esperanto-Asocio (UEA).

**2. Krucvort-enigmo.**

**Horizontale:** 1. lul, 3. ber, 5. la, 6. op, 8. aŭtomobil, 11. an, 12. ge, 13. Amsterdam, 16. re, 17. K. B. (Karl Bein = Kabe), 18. sed, 19. fer.

**Vertikale:** 1. laŭ, 2. leontod, 3. biograf, 4. roi, 5. Lazar (aŭ: Laban), 7. plumb, 9. tas, 10. bed, 14. mes, 15. akr.

**3. Antaŭmet-enigmo.**

Cipreso, Ermito, Nebulo, Trapezo, Alteo, Verando, Oblato. — Centavo.

La enigmojn en n-ro 3 solvis:

Solvis 3 enigmojn: Arger, Baird, Bernatschek, Bezençon, Bonnevie, Charon, Csáder, Della Savia, Dittrich, Donath, Drazdauskas, Dubinski, Duringer, Dutschmann, Ellerbeck, Fischer, Fraenkel, Gensch, Grodl, Gurányi, Hammermeister, Homann, Hörning, Hoschtalek, Indra, Jagomäe, Jeremies, Kayser, Kimmel, Kolodziej, Kösters, Krämer, v. Laban, Lisovsky, McCormick, Meinel, Möbusz, (di) Montezemolo, Neuchâtel (Esp.-grupo), Petzold, Plehn, Rambousek, Reinhart, Rothgerber, Savinski, Schiebl, Schöttl, Simmons, Sommer, Stein, Strausz, Ŝirjaev, Vlcková, Weleminsky, Werner, Wicke, Wipplinger. — Unu sennoma (ŝajne de s-ro Klanĉik).

Solvis 2 enigmojn: Kronk.

# Serĉetoj.

La edzino: „Maltrankviligas min ĉiam la samaj sonĝoj; jam la duan fojon mi sonĝis, ke ci aĉetis por mi la silkan robon, kiun ni vidis lastan semajnon."

La edzo: „Trankviliĝu, anĝeleto mia! Kiam mi iros en la urbon, mi aĉetos sonĝolibron, klarigantan ciajn sonĝojn."

Esperantigis St. Kowalewski.

**Kio estas internacieco?**

Se angla militisto kun germana fraŭlino en hispana vinejo trinkas Bordeaux-vinon, de pola hebreo aĉetas amerikan gazeton, dum la legado fumas turkan cigaredon, poste mendas porcion de itala salato kaj post la formanĝo rimarkas, ke la enhavo de lia el rusa jufto farita monujo ne sufiĉas por pago de Viena valso, ludata de hungar-cigana orkestro.

Esperantigis St. Kowalewski.

**Korekto de preseraro.**

En la artikolo „Heroo kaj Sanktulo" en Verda Stelo n-ro 4 troviĝas malagrabla preseraro. En la antaŭlasta linio en la dua kolono, anstataŭ „Same malpermesas ĝenerale validanta moralleĝo" devas stari „La samo validas por la leĝo: **„ne ŝtelu"**. Ĉi tiu leĝo" . . .